


ORGANO DE
ASTURA ESPERANTO ASOCIO

CATEDRA DE EXTENSION UNIVERSITARIA




UNIVERSIDAD de OVIEDO



GIJON

"PANORAMA ASTURIAS 82"

Jen moto sub kiu disvolviĝis en nia urbo, de la 12-a ĝis la 27-a de Junio, ambaŭ inkluzive , montrofoiro pri la atingoj de nia Provinco tiel ĉe industrio kaj komerco, kiel ĉe arto, beletro kaj kulturo ĝenerale.

Moto, kiu certe konsistigos mejloŝtonon por nia enurba Movado kaj kiu eble (tiel estu!) fariĝos signo de grava revigliĝo de la Asturia ge samideanaro.

Kiel nedisigebla parto de la Asturia kulturo, estis tie, en tiu "Panoramo", nia Astura Esperanto-Asocio. Kaj Ni estas parto de la Asturia / kulturo, ĉar pere de Esperanto Ni, asturiaj gesperantistoj, diskonigas tra la Mondo la senegalajn belecojn de niaj folkloro kaj arto, de niaj subteraj riĉaĵoj, de niaj verdaj herbejoj kaj montoj, de niaj allogaj marbordoj.

En tiu "Panoramo" Ni dissemis milojn kaj milojn da Esperanto-semojn. Ni devas kulturi kaj zorge sarki la kulturitan kampon, kaj plenkonscie pretiĝi por rikolti la frukton. Se Ni tiel agus, nedubeble tiu supre menciita moto fariĝus, kiel dirite, signo de revigliĝo de la Esperanto-Movado en Asturio.

Do, Ni alvokas ĉiujn geesperantistojn en Asturio al firma kaj serioza laborado por Esperanto.

Ĉiu plugu sian sulkon!

ADONIS.-

MAJO-JUNIO 1.982 | Nº 26

# NIA ANTENO

## GRAVA PAŜO ANTAŬEN!!!

Dum la lasta dumonata periodo niaj aktivaĵoj estis pli intensaj kaj pli gravaj,ol iam ajn antaŭe.Dank' al privilegia stato de antaŭtempa emerito ĉe nia estrarano Julio Argüelles, kio permesas al li pli multe labori por Esperanto, li senlace kaj sindoneme plenumis ĉiujn necesajn demarŝojn por realigi la eventojn pri kiuj ni ĉi-sube raportas.

En Majo ni sukcesis interesigi pri eklerno de Esperanto dekduon da lernantinoj de la Lernejo por Stevardinoj FORMATIK, en nia urbo, kun la favora aprobo de ties Direktoro.Tiam oni speciale preparadis stevardinojn cele al deĵorado ĉe "PANORAMO ASTURIO-82", okazonta paralele al la Futbala Monda Konkurso.Do, ni estis devigataj improvizi "rapid-kurson" por instrui Esperanton al tiuj interesulinoj, ĉar krome ni disponis nur je kvin lundoj po tri horoj por nia laboro.La kurso kontentige finiĝis kaj la lernantinoj, kvankam kompreneble ne ellernis nian lingvon, bone akiris la necesajn elementojn pri gramatiko, vortfarado kaj ĝenerala funkciado de Esperanto.Kaj ĉiuj promesis finlerni Esperanton per partopreno en unu el niaj kursoj de la lernojaro 1.982/83.

La plej grava evento estis, nedudeble, la ĉeesto de nia Asocio en la regiona Montrofoiro "PANORAMO ASTURIO-82", kiu disvolviĝis de la 12ª ĝis la 27ª de Junio.Kiel sciate "PANORAMO ASTURIO-82" estis organizata paralele al la eventoj de la Futbala Monda Konkurso.Ni atingis, de la Direkcio de la Montrofoirejo, ke oni disponigu al nia Asocio standon por informi kaj propagandi pri Esperanto, samtempe ni proponis niajn servojn senpage kiel interpretistoj al eblaj esperantistoj, kiuj vizitus "PANORAMO ASTURIO-82"-n.

Dum tutaj dekses tagoj ni senlace deĵoris en nia stando, informante pri Esperanto kaj klarigante ĉies demandojn.Miloj kaj miloj da personoj vizitis la standon; ekde tiuj, kiuj tute ne sciis eĉ pri kio Esperanto temas (ĉu temas pri io "manĝebla", aŭ simile ?) ĝis tiuj, kiuj havis fortajn antaŭjuĝojn kontraŭ ĝi, kaj tiuj, kiuj havis misan opinion pri ĝi.

Ni sukcesis detale informi ĉiujn; la unuaj jam scias "kio" vere Esperanto estas ; el la aliaj ni sukcesis forigi antaŭjuĝojn kaj la lastaj jam havas korektan opinion pri nia lingvo.Sed, kio plej gravas estas la fakto, ke ni sukcesis interesigi pri eklerno de Esperanto multajn personojn.Ofte eĉ ni improvizadis duonhoran kurseton en nia stando informante pri la 16 reguloj de nia gramatiko, pri la finaĵoj kaj reguleco de niaj verboj, samkiel pri vortfarado.

La stando estis ornamita per afiŝoj pri-en kaj eksterlandaj kongresoj, vitrinoj kun bildkartoj, kovertoj kaj filatelaĵoj; en oportunaj montrotabloj estis ekspoziciataj specimenoj el la plej gravaj verkoj de la monda literaturo ("Don Quijote", "La luzidoj", "La naŭzo".ktp.) en esperanta traduko, samkiel specimenoj el nia originala verkaro.

Ni disdonis milojn da informfolioj.

La loka kaj provinca radiostacioj,kiuj mem disponis je standoj en "PANORAMO", disaŭdigis informojn pri nia stando kaj intervjuojn kun ties deĵorantoj; la loka ĵurnalo "El Comercio" publikigis intervjuon kun la Prezidantino de Hispana Esperanto-Federacio, kiu vizitadis la Montrofoiron, kun foton pri la stando super kiu flirtadis nia flago , videbla el ĉiuj anguloj de la Montrofoirejo.

Alia grava atingo de nia Asocio estas publikigo, fare de la urba komisiono pri turismo, de folieto en Esperanto informanta pri Gijón.Folieto, kiun oni aldonis al aliaj informfolioj, kiujn arte aranĝitaj en speciala kartoneca ujo oni disdonadis al fremduloj kaj eksterlandanoj.(Pri tiuj folietoj ni bedaŭras tri/kvar fuŝaĵojn far la presejo, malgraŭ nia kontrolo de la oportuna presprovaĵo !)

Por ke nia laborado dum la menciita "PANORAMO ASTURIO-82" estu plene fruktodona , ni ne devas "ripozi sur niaj laŭroj".Sukceson ni plene atingis ĉe informado kaj forigado de miskomprenoj kaj antaŭjuĝoj, sed tio ne sufiĉas ! Ni devas senripoze strebi antaŭen !

Ni devas konscii pri tio, ke antaŭvidebla estas granda nombro da interesiĝantoj por eklerni Esperanto-n, en la proksima lernojaro, kiam ni malfermos niajn kutimajn E-kursojn.Do, ni estu pretaj por atingi, ke kiel eble plej multaj el tiuj interesiĝantoj restu en niaj vicoj.

ADONIS

# Bulgara Rakonto

UNU EL "EPOPEO DE LA FORGESITAJ"

Dum la somero de 1.832 en la malgranda sed vigla urbo Kalofer, en la rozaj valo, sub la plej alta pinto de la montaro Balkan-pinto Botev (Jumrukĉal) naskiĝis filo en la familio de StojnoBozukov.La infano, al kiu la gepatroj donis la nomon Genko, estis malsanema, plorema kaj malfrue komencis paŝi lamante.Tio ĉi ĝenis lin libere ludi kaj kuri kun najbaraj infanoj.Li ŝatis aŭskultadi la fabelojn de sia avino, ankoraŭ vespere aŭ dimanĉe, la ludadon de siaj onkloj per guzlo aŭ sakfluto.

Kiam Genko estiĝis 16-17 jara junulo, kune kun sia patro komencis iradi najbarajn vilaĝojn aĉeti brutaron - bovojn kaj alkonduki ilin al la paŝtistoj en Kalofera Balkano.Li ĝuis la vidaĵon kaj vespere la ludadon de la paŝtistoj per ŝalmoj kaj sakflutoj.Iompostiome la juna Genko komencis ludi per ŝalmo kaj rapide perfektiĝis.

Speciale lin emociigis la rakontoj de la paŝtistoj pri la periodo de la pesto, pri arbaraj nimfoj kiuj flugis de unu fonto en la Balkano ĝis la alia, pri Kalofer vojevodo kaj la fondado de urbo Kalofer, pri la hajdutoj, la defendantoj de la sklavigita popolo.

Aŭtune la patro kaj Genko forkondukis la brutaron en Istanbulon al riĉaj bulgaraj komercistoj fratoj Bacurovi, kiuj revendis la bovaron al turka armeo.

En Istanbulo la patro kaj la filo ripozis kelkajn tagojn.Ili renkontiĝis kun bulgaraj samurbanoj, parolis pri la malbona stato de la popolo, kaj piede, ili revenis en urbon Kalofer.

En la korto de Hristo Bacurov, Genko vidis lian plej junan filinon Todorka 12-13 jara junulineto, kiu plezure aŭdis lian ludadon en ŝalmo.Si estis - belvizaĝa, kun grandaj brunaj okuloj . Por ĉiam, ŝia vizaĝo eniĝis en lia koro.

Post 4 jaroj, Genko estiĝis larĝŝultra, bela brunhara junulo.Kvankam - li estis malriĉa kaj lama, li kuraĝis ekpeti Todorkan jam bela junulino, por edzino al ŝia patro.La patro ne konsentis, dirante ke Todorka estas ankoraŭ juna.Sed sekvontan aŭtunon Hristo Bacurov ne povis kontraŭstari petegojn de sia amata filino enamiĝinta en Genko - kaj lia dolĉa ludado per ŝalmo.Ili faris edziĝofeston en Istanbulo.La gepatroj ŝarĝis 3 veturilojn per doto . La patro metis sur ŝia kolo 3 kolierojn - da ormoneroj.Kun bukedo el geranio kaj floroj, kun benoj, larmoj kaj memorigoj al Genko protekti bone Todorkan, adiaŭis ilin.

Genko enkondukis la junan edzinon en novan domon, per peno kaj amo konstruita por ŝi, por la juna familio kaj ili ekkunvivis feliĉe.Ili havis fileton kiun nomigis Stojno kaj poste al ili naskiĝis kvin filoj kaj unu filino.

Dum la sesdekaj jaroj de la 19ª jarcento, la vivo en Kalofer fariĝis malfacila kaj la homoj malriĉiĝis. En

la vilaĝoj ankaŭ malmultiĝis la brutaro. Mezriĉaj kaj malriĉaj vilaĝanoj tute malriĉiĝis.Malgrandaj partoj de turka armeo karĝalii, baŝibozuci kaj aliaj ofte invadis la vilaĝojn, forŝtelis ĉion valoran ankaŭ dombestojn.Malfacila estiĝis la profesio de Genko.Li ne povis jam kolekti tiel grandan brutaron por Istanbulo kaj la vojaĝo estis ne sekura.Li komencis forgesi la ludon per malvoĉa ŝalmo.

Kiam en 1.871ª jaro estis fondita revolucia komitato en Kalofer, Genko estis invitita en ĝi kaj al li oni fidis esti kuriero.Li iradis en vilaĝojn por aĉeti brutaron kaj la turkoj, alkutimiĝintaj vidi lin kun gebovoj, ne suspektis lin.

En 1.874-75 jaroj la rikolto estis malabunda, la brutaro amase mortis.

Dum la fruaj printempaj monatoj de 1.876ª jaro oni sentis revolucian viglecon, Genko disportadis la leterojn al la najbaraj vilaĝoj kaj urboj.

La 20-an de Aprilo la ribelo ekflamis.Kalofer ne ekribelis kaŭze de turka loĝantaro kaj la najbaraj turkaj vilaĝoj.Malmultaj bravaj patriotoj aliĝis al la ribelintaj loĝlokoj.Ribeluloj bezonis subtenon.Granda turka armeo kaj loka turka loĝantaro ĉirkaŭadis unu post la alia la ribelintaj loĝlokojn, konkeris ilin malgraŭ la kuraĝa rezistado de la ribeluloj kaj la loĝantaro, kaj kruele mortigis virojn, virinojn, infanojn, malbonkondutis, bruligis, rabis.Danĝere estis tiam al vojaĝanto renkonti krueligitajn kaj fanatigitajn turkojn.Sed Genko ne povas esti pacienca.Li iras kun sia granda filo Stojno laŭdire por brutaro en najbarajn vilaĝojn, por kompreni la veran situacion.Li renkontiĝas kun kurieroj de ekribelintaj regionoj kaj ricevas leteron, en kiu ili petas por neprokrasta helpo.Genko per ĝenema koro enigas la leteron ĉebruston kaj ekiras en Kalofern.Se nur nenio malbona okazu! - pensas li.

Ili iras rapide kiom ili povas.Ilitrapasis vilaĝon Miterizovo kun kurda loĝantaro.Jen, la urbo vidiĝas de la altaĵo "Straĵata".Sed baldaŭ ili vidas malantaŭ kelkajn turkajn zapticojn kiuj rapide iris post ili."Certe iu - perfidis min" - pensas Genko kaj ege penas iri rapide.

Li kaj la filo jam proksimiĝas al la lasta pajlejo ĉe la urbo.Zapticoj krias malantaŭ ili: "Kapitulacu, komita!".Per lasta fortuzo Genko kaj Stojno eniris la pajlejon kaj riglis la pordon.De tie estas oportune fuĝi en valeto kiu daŭrigas al la Balkano. La juna Stojno rapide traŝovis sin tra mallarĝa fenestreto de la pajlejo, la patro lin helpis kaj li saltis en la valeton.Zapticoj pafas post li, sed ne trafis lin.Genko penas per ĉiuj fortoj eniĝi tra la fenestreto, sed li estas larĝŝultra kaj ne povas enŝovigi.Zapticoj jam malpacience frapas sur la pordon kaj krias: "Kapitulacu, komita ! - ni ekbruligos la pajlejon !".

Genko ne kapitulacas.Li pensas : "Estas bedaŭrinde, ke mi ne sukcesis - alporti la leteron.La revoluciuloj bezonas helpon.....Ĉu Stojno sukcesis forkuri ?.....Bedaŭrinde por mia bona Todorka kaj por miaj amataj infanetoj.Ve, mi mortos ankoraŭ en la florado de miaj fortoj !....."

Post la lasta averto, la turkoj - ekbruligis la pajlejon.

Nuboj da fumo enfluis en la pajle

(daŭrigo sur la 6ª paĝo)



# KULTURAJ TEMOJ

## ELEKTITAJ VERKOJ DE UNAMUNO EN SOVETUNIO

La eldonejo " Judozhestvannaya Literatura " estis publikiginta " Elektitaj Verkoj-n de Miguel de Unamuno " en du volumoj, kiuj inkludas pli ol 80 verkojn de l'hispana verkisto.

Laŭ informas la soveta agentejo " Novosti ", oni publikigis en Moskvo en 1.927 la verkon de Unamuno " Du Patrinoj " kaj en 1.929 " Tri Ekzemplaj Noveloj-n " kaj " Prologo ".

En Moskvo kaj Leningrado oni eldonis la kolekton " Ekzemplaj Noveloj " . Verkoj de Unamuno aperis ankaŭ en diversaj kompiladoj de majstraj verkoj el la monda kaj hispana literaturoj, el kiuj la plej grava estas " Biblioteko de Monda Literaturo " kun 200 volumoj, kiu amasigas verkojn de aŭtoroj el 33 landoj.

Ankaŭ aperis en 1.966 kaj en 1.971 verkoj de Unamuno en du volumoj " Antologioj de la hispana romanaro de la XXª jarcento ",Je la fino de 1.980 la eldonejo " Molodaya Gvardiya " publikigis - " Elektita Liriko " de tiu hispana aŭtoro.-Agentejo EFE.Esperantigis ESPERANTISTO (El Ĵurnalo " El Norte de Castilla ".- Valladolid 1.982-04-09 ).

Noto de l'tradukinto: Miguel de Unamuno y Jugo, filozofo, romanisto, eseisto, poeto kaj filologo, naskiĝis en Bilbao 1.864-09-29 kaj mortis en Salamanca , 1.936-12-31.Li estis Katedra Profesoro de greka lingvo kaj Literaturo, - kaj Rektoro de la Salamanca-a Universitato.

Liaj verkoj estis tradukitaj al preskaŭ ĉiuj eŭropaj lingvoj.El lia gravega verkaro mi citas la jenajn - verkojn:

Eseoj (longaj) : " La vivo de - Don Kiĥoto kaj Sanĉo ", " El la tragika sentimento de l'vivo " kaj "La agonio de l'Kristanismo ".

Eseoj (mallongaj) : " Tra teroj de Portugalio kaj Hispanio ", " Hispanaj aventuroj kaj vidadoj " kaj " Pejzaĝoj de l'animo".

Poezio : " Rozario de Lirikaj Sonetoj ", " La Kristo de Velázquez " kaj " Romancaro de l'Ekzilo ".

Romanoj : " Paco en la Milito ", " Amo kaj Pedagogio " kaj " La onklino Tula ".

Teatro : " Fedra ", " La aliulo " kaj " La bofilo Johano ".



## HISPANA POETO RICEVIS LA BULGARAN ORDENON

La hispana poeto, Manuel Muñoz Hi

dalgo, ricevis la Bulgaran Ordonon de " Cirilo kaj Metodio ", de unua klaso, informas la bulgara agentejo " Bta ".

Muñoz Hidalgo atingis la ordonon pro siaj meritoj en la kultura interŝanĝo inter Hispanio kaj Bulgario.

Li estas la unua tradukisto al la Kastilja Lingvo de la verkoj de l' poeto bulgara Nikola Vapcarov kaj li publikigis libron pri poemoj de ĉi tiu aŭtoro okaze lia 70ª datreveno.

La bulgara agentejo laŭdas Muñoz Hidalgo-n kiel." unu el la nuntempaj hispanaj poetoj kun pli da talento ".

Ricevante la ordenon la hispana poeto deklaris ke Liudmila Jivkova, -filino de l'bulgara Prezidanto Todor Jivkov, mortinta dum Julio de la 1.981ª jaro, kontribuis multe al la kultura alproksimiĝo inter Bulgario kaj Hispanio.-Agentejo " Bta ".Esperantigis ESPERANTISTO (El la ĵurnalo " La Nueva España ".- Oviedo 1.982-04-14).

Noto de l'tradukinto: Se miaj informoj ne estas eraraj, Manuel Muñoz Hidalgo naskiĝis en Alcantarilla (Murcia) en - la 1.939ª jaro.

Nuntempe laboras kiel docento, -profesio kiun alternas kun siaj literaturaj aktivecoj.Li estas aŭtoro de la libroj de poemoj " Aksoj de la vivo ", " Popolo kaj insultmoko " kaj " Semoj".

Li publikigis plurajn dramajn verkojn, inter kiuj oni kalkulas la " Prujno ", " Genio kontraŭ Uzuro ", kaj la forĝisto de Betsaida ", kiu estis prezentita per RTVE.

Li ankaŭ publikigis biografian studon titolita " Kia estis Miguel Hernández".

ESPERANTISTO

Gijón, 1.982-04-20



( daŭrigo de la 4ª paĝo )

jon, flamoj krakas de ĉiuj flankoj.Akra fumo kaj terura doloro malheligas la -konscion de Genko.Kiam la pajlejo forbruliĝis kaj nur fumis, la zapticoj kuraĝiĝas alproksimiĝi kaj vidas karbiĝitan kadavron de Genko.Unu kruro estas -malmulte pli longa ol la alia.

Unu el la zapticoj estas el Kalofer kaj diras: "Vaj, zavalî Komita ! " (Ve, kompatinda revoluciulo !).

Tio ĉi estas la vera sorto kaj historio de mia avo, rakontita al mi de mia patro kaj parencoj.Ĝi vive emociigis mian konscion kaj imagon ankoraŭ en la infanaj jaroj.Ankoraŭ tiam mi solene promesis al mi eternigi la heroaĵon kaj -sinoferon de avo.Kompreneble, tio restis nur infana revo.

Nun mi klopodis rakonti tiun ĉi tragikan historion, unu el multenombran dum Aprila ribelo en 1.976ª jaro.

* * * * * * * * * *

( Kontribuaĵo sendita de Bojana Prodanova, Gabrovo, Bulgario ).

# HISPANUJO, LANDO DE INTELIGENTAJ HOMOJ

## LA SEKECO AŬ NE PLUVECO

Povas okazi, ke por senpravigi min motive de ĉi tiu skribaĵo, kiam vi legos ĉi tiun artikolon pluvos senĉese, kvazaŭ estus nova diluvo. Sed la vero estas ke nun dum ĉi tiuj monatoj la nepluvado en Hispanujo estas unu el la plej gravaj problemoj, kiuj suferigas la landon kaj kies solvo ne estas facile trovebla.

Estas la lando, kun la nova demokratio, plena de inteligentaj homoj, kiuj - antaŭvidas la estontecon, ĉu kolektivan, ĉu personan, sed tiuj saĝaj gesinjoroj - ne scias kiam pluvos. Kion ni havas estas tiuj geprofesiuloj, kiuj pere de la televido anoncas por la venonta tago la eblan veteron, kaj eĉ ofte ili eraras. Kion oni povas fari ?

Estas hispana proverbo, kiu tekstas jene: "Ĝis estiĝas tondrado neniu memoras Sanktulinon Barbara-n, kaj same okazas - rilate al la nepluveco, neniu okupiĝas - meti rimedon, okaze de sekeco. Evidente - tiu neglektado ege malfavoras la agrikulturon kaj eĉ la vivon de ĉiuj estaĵoj.

La fakto estas ke, tiu senarbigo de la lando estas la precipa kaŭzo de tiu nepluveco. Sen ia memriproĉo kaj laŭ bezono de iuj privataj sinjoroj, la arbaroj malaperas konstante. Aliaj - laŭ onidiroj - bruligas la montarojn, ĉar ili bezonas terenspacojn por konstrui vilaojn. La realo estas, ke la arbaroj malaperas kaj nenion oni faras por rearbigi niajn kampojn. La grundo soifas, la cerealaĵoj - sekiĝas antaŭ la maturiĝo kaj konsekvence la rikoltoj estas nekontentigaj.

Se ni hispanoj, estus kapablaj almenaŭ unufoje, realigi ion bone, nia lando estus la plej bela ĝardeno de Eŭropo, ĉar la diversa klimato de nia patrujo ebligas la semadon kaj rikoltadon de multaj kaj diversaj fruktoj. Sed ni ĉiam atendas, ke ĉio venos de la ĉielo aŭ el eksterlando. Kia malfeliĉo !!

Niaj riveroj alfluas en la maron trankvile, eĉ se tre poluciigitaj, sed ili alvenas al tiuj maroj, kiuj ĉirkaŭas nian landon, sen apenaŭ profito por niaj kampoj. Eĉ iuj riveroj, kiuj trafluas kelkajn provincojn estas temo de diskuto kaj disputo; tiuj akvoj estas niaj, opinias iuj; ne, tiuj akvoj estas niaj, diras aliaj. Bravaj hispanoj !! Estas nediskuteble, ke tiuj kvereloj okazas, ĉar la privata posedo estas super la naciaj interesoj. Kion fari, tio estas ja nia sociordo !!

Ankaŭ estas nediskuteble, ke en la subtero ekzistas akvo, kiu multe povus mildigi la sekecon, kiu turmentas nin. Simplaj artezaj puton taŭgus por - elŝpruci la akvon kaj malmultkoste irigacii niajn kampojn, sed anstataŭ tio, ni rigardas la ĉielon kaj preĝas. Paraiokse al tio estas vastaj terenoj tute - pretaj por ilia irigaciado, sed ili ne

funkcias, verŝajne pro diversaj burokratajoj.En aliaj kazoj estas la terkulturistoj mem, kiuj malhelpas la reorganizadon de nia agrikulturo.Tiel estas nia lando.

Mi legis en ĵurnaloj, ke pro la nuna ekonomia situacio, nia lando baldaŭ apartenos al la nomata " tria mondo " . Mi pensas, ke pro la vetero ni plene integriĝos en tiu " tria mondo ", konkrete en Afriko, kie la pluvo estas tiom sopirata.Io estas vero, nia lando dezertiĝas kaj ni entreprenas nenion efikan por rimedi la situacion.Tio jes, ni de tempo al tempo organizas pluvpetajn procesiojn, kiuj evidente donas nenian rezulton.

En iuj landoj oni realigas verajn miraklojn en la dezerto, kiel okazas en Libio kaj Izraelo, kie la dezerto verdiĝas, ne sen gravaj klopodoj, tio ankaŭ estas la vero, sed jen la pruvo, ke oni povas venki la sekecon.Intertempe ĉi tie en Hispanujo, rigardante la ĉielon kaj babilante en amikaj rondoj, nia lando daŭre suriras vojon, kiu povos ruinigi plie nian malfortan ekonomion.

Estas miloj kaj miloj da homoj, kiuj sopiras, revas kaj urĝe bezonas laborpostenon.Estas tiom da laboro farinda - en ĉi tiu lando, ke laboro mankus por - neniu, sed ne, oni malŝparas la monon - en aferoj danĝeraj por la lando kaj ĝia loĝantaro.Bezonaĵoj, kiel ekzemple la - taŭga prizorgado de nia agrikulturo restas farendaj, ĝis ne oni scias kiam.

Eĉ mi legis en ĵurnalo, ke la Aŭtonoma Kataluna Registaro alvenigis spertulojn el Izraelo por pritrakti kaj eviti la dezertigon de la lando.

Eĉ por tio ni bezonas la helpon de eksterlandanoj.Ni, kiuj ĉiutage konstatas la senarbigon de niaj kampoj, ni - kiuj konas, aŭ almenaŭ devus koni la kaŭzon kaj rimedojn, ankoraŭ petas konsilojn al eksterlandanoj ! Ĉu ni, hispanoj estos kapablaj realigi ion per ni mem?

Ĉu ĉiam ni devos dependi de aliaj?

Vi mem povas konsenti,ke Hispanujo estas lando de inteligentaj homoj.

L U I S   S E R R A N O   P E R E Z  -  S A B A D E L L  -

O●o●O●o●O●o●O●o●O●o●O●o●O●o●O●o●O

## G R E G U E R I A S

Ŝajnas, ke ni ne estis invititaj por nia sonĝo, opiniante el tio, kiel komplete ni forgesas ĝin.

——oooOoooOoooOoooOooo——

Tramveturilo profitas el kurbiĝoj, por priplendi kontraŭ siaj entreprenintoj kaj realigintoj.

——oooOoooOoooOoooOooo——

Veluro estas plena de violkoloraj pensoj, eĉ se ĝi mem estus de alia koloro.

——oooOoooOoooOoooOooo——

Verkis: Ramón Gómez de la Serna; Tradukis: E.Dembski; Kompilis: Sacramento Collado